# tempo

Gazeto de Kroata Esperanto-Ligo
Časopis Hrvatskog saveza za esperanto

oktobro 2011
n-ro 112

SPECIALA NUMERO PRI SOMERA GASTADO DE KEL EN HRVATSKO ZAGORJE



- ★ Studi Esperanton en Filozofia fakultato de Zagrebo
- ★ Renkontiĝo de verkistoj en Hraščina
- ★ Polaj diplomoj pri interlingvistiko por Marija Jerković kaj Tea Radovanović
- ★ Ronda Tablo pri poeto Josip Velebit en Zaprešić

# Karaj legantoj!

Kun la aŭtuna etoso, gelernantoj revenas al lernejoj. En **Filozofia fakultato** de **Universitato de Zagrebo** en la lernojaro 2011/2012 eblas studi Esperanton! Lekcias D-ro **Velimir Piškorec.** Multaj landoj dezirus havi ion similan. Kiel tio sukcesis? Al tiu unikaĵo, ni dediĉis niajn enkondukajn paĝojn.

Ni adresas al nia membro **Velimir Piškorec** ne nur niajn dankon sed ankaŭ niajn elkorajn gratulojn: la 13-an de septembro 2011 D-ro **Velimir Piškorec** estis nomumita "orda profesoro pri filologio". Malmultaj landaj asocioj disponas pri esperantistoj kiuj postenas universitate kiel ordaj profesoroj pri lingvistiko.

Ĉar tiun **Tempon** finance subtenas **Departamento Krapinsko-zagorska**, en tiu ĉi numero vi trovos akcentojn sur la programoj de **Kroata Esperanto-Ligo** realigitaj en **Zagorje**: la **Meteorita festo** tie okazis la 21an de majo 2011. La **Renkontiĝo de verkistoj** okazis de la 17a ĝis la 19a de septembro 2011. **Ministerio pri kulturo de Respubliko Kroatio** kaj **Akademio Literatura de Esperanto** finance helpis la literaturan aranĝon.

En la maja programo la ĉefaj gastoj de **Kroata Esperanto-Ligo** en **Hraščina** estis tradukistino **Martina Čičin-Šain** kaj aktorino **Vlasta Knezović**, dum la muzikan programon prezentis nia nemalhavebla membro, kantisto kaj komponisto, **Neven Mrzlečki**. En la fokuso estis du eksterlandaj libroj traktantaj **Zagorje: Liaison** de **Marie Matray** kaj **Answald Krüger** kaj **Ĉio por la amo** de **Dan Jacobson**, kroatigita de **Martina Čičin-Šain**.

**Renkontiĝo de verkistoj** omaĝis ĉi-septembre al **Vasilij Eroŝenko**. Lin prezentis nia gasto **Mikaelo Bronŝtejn**. Li ne nur prelegis sed krome koncertis kaj instruis. Li rakontis al ni pri sia infanaĝo. Liaj verkoj estis analizitaj de kroataj legantoj. Post Kroatio, Mikaelo Bronŝtejn gastis en **Bosnio kaj Hercegovino**, en **Banja Luka**, per koncerto prizorgita de **Mićo Vrhovac** kaj la asocio. Pri la literaturaj temoj prezentitaj dum Renkontiĝo de verkistoj vi trovos artikolojn de **Mikaelo Bronŝtejn, Zdravko Seleš, Maja Valentić, Spomenka Štimec, Shi Cheng tai, Davor Klobučar** kaj **Antun Kovač. Kaja Farszky** prezentis parton de sia diplomlaboraĵo, kiu konsistas el **Homeraj Himnoj**, de komponisto **Frederic Rzewski** en traduko de **Lucija Borčić**. La venontan tagon post sia diplomiĝo, Kaja muzikis por la esperantlingva publiko per - argilaj potoj. La fotoj pri la **Renkontiĝo** venas de **Berislav Rubčić**. (Por la prelego de **Kruno Puškar** pri la romano de **Bronŝtejn** ***Oni ne pafas en Jamburg***, ni ĉi-numere ne disponis pri libera loko.)

Bela novaĵo atingis nin el **Poznan** en **Pollando**: kiel anoncite en la lasta numero de **Tempo**, du kroataj esperantistinoj sukcese diplomiĝis pri interlingvistiko en **Universitato Adam Mickiewicz** en **Poznan**: **Marija Jerković** kaj **Tea Radovanović**. Tre korajn gratulojn al niaj membroj, diplomitaj interlingvistinoj kun diplomoj de pola universitato!

En **Đurđevac** okazas viglaj preparoj por ke **Koprivnica** estu nia kongresa urbo por la **10a jubilea kongreso de kroataj esperantistoj**, planata por tritaga restado de la 22a ĝis la 24a de junio 2012! Vendredon la 22an de junio 2012 en **Koprivnica** okazos la regula jarkunveno de **Kroata Esperanto-Ligo**, la kongreso serkvos la jarkunvenon. Tiel decidis la **Prezidantaro** de **Kroata Esperanto-Ligo** dum sia 6-a kunsido la 6-an de oktobro. Ĉi-numere vi trovos la kongresan aliĝilon, kies simbolojn ni sube prezentas. Notu ke la favora aliĝo validas ĝis la 31a de januaro 2012! La LKK-on prezidas **Zdravko Seleš**, sekretarias **Josip Pleadin**, pri sponsoroj zorgas **Martin Mihaldinec** (el Virje), **Nada Pleadin** estas kasisto, **Zdenka Polašek** (el Bjelovar) estras fakon pri informado, **Velimir Piškorec** zorgos pri simpozio, **Grozdana Grubišić-Popović** (Bjelovar) pri kongresaj materialoj, **Krunoslav Puškar** (Križevci) pri junulara programo. En LKK membras ankaŭ Spomenka Štimec.

Retuloj bonvolu sekvi la kongresajn preparojn per la kongresa retejo ***http://www.ipernity.com/home/213107.***

Ne nur agrablaj novaĵoj atingas nin: La 23an de septembro 2012 alvenis la letero de Urba oficejo pri ĝenerala administrado per kiu **Esperanto-Societo Bude Borjan** ĉesas ekzisti. Tiel, bedaŭrinde, finiĝis la riĉa ĉapitro de la kroata Esperanta historio: la membroj de **Esperanto-Societo Bude Borjan** daŭrigas aktivi kadre de **Kroata Esperanto-Ligo**.

La nova Esperanto-kurso startis en strato Knez Mislav la 25an de oktobro 2011. La kurson gvidas **Spomenka Štimec**.

La 4-an de oktobro **Matica Hrvatska Zaprešić** tre bele omaĝis al sia iama samurbano poeto, tradukisto kaj mezlerneja profesoro **Josip Velebit**. La domo en kiu li loĝis ricevis memortabulon, okazis Ronda tablo pri lia literatura agado gvidita de **Stjepan Laljak**, estis publikigita broŝuro pri **Josip Velebit,** redaktita de **Stjepan Laljak**. Enkonduke prelegis akademiano **Tonko Maroević**, malkovrante al la publiko siajn proprajn kontaktoj kun Esperanto. (La teksto de la akademiano **Maroević** aperos venontnumere.) La kroatlingvajn tekstojn de **Velebit** prezentis aktoro **Joško Ševo**. **Spomenka Štimec** prelegis pri **Josip Velebit**, antologia esperantlingva poeto kaj tradukisto. Estis publikigitaj du poŝtkartoj pri **Josip Velebit**.

**Kroata Unuiĝo de Nevidantaj Esperantistoj** kreis plian sonan numeron de **Tempo**. La asocio preparas sian solenan jarkunvenon por la 5a de novembro 2011, kiam ĝi festos gratulindan **40-jariĝon de sia agado**!

**Kroata Fervojista Esperanta Asocio**, kies membroj maje kongresis en **Liberec** en **Ĉeĥio**, ĉi aŭtune daŭrigis per siaj regulaj mardaj renkontiĝoj en siaj ejoj en **Tomislavov trg**, fariĝante provizore la sola zagreba societo kun regulaj kunvenoj. Ni subtenu la programojn de **KFEA**!

En Japanio en oktobro **Etsuo Miyoshi** okazigis dektagan ekspozicion de pupoj de diversaj flankoj de la mondo. La dektaga ekspozicio okazis en **Higasi kagawa**. Ankaŭ la kroataj pupoj, prezentitaj per la pupoj el Sisak, produktitaj de artistino **Vera Vuksanović**, estis ekspoziciitaj. Pri la evento raportis pluraj japanaj







KONGRES HRVATSKIH ESPERANTISTA
KONGRESO DE KROATAJ ESPERANTISTOJ
KOPRIVNICA ★ 2012

**Tempo**

Fondita en 1980. Ne aperis en militaj jaroj 1993 kaj 1994. Aperas laŭeble kvarfoje jare - Jaro XXIX, numero 112 (3/2011), ISSN 0352-1583. Tiu ĉi numero estas eldonita per financa helpo de Krapinsko-zagorska županija, Krapina.
Tempo aperas sone sur kompaktdisko ĉe Kroata Unuiĝo de nevidantaj Esperantistoj. Voĉlegas Spomenka Štimec.
**Redakcio:** Kneza Mislava 11/III, HR-10000 Zagreb, Kroatio, **tel:** (385 1) 4617550, **fakso** (385 1) 4619373, esperanto@zg.t-com.hr, **www.esperanto.hr** - **Kontribuis:** Lucija Borčić, Mikaelo Bronŝtejn, Ding Cong, Homero, Kaja Farszky, Marija Jerković, Sebastian Kirf, Davor Klobučar, Antun Kovač, Mirosława Kubicka, Mine Yositaka, Vjekoslav Morankić, Velimir Piškorec, Josip Pleadin, Zdenka Polašek, Tea Radovanović, Berislav Rubčić, Shi Chengtai, Shen Jun, Zdravko Seleš, Spomenka Štimec, Dragan Štoković, Zlatko Tišljar, Tomislav Treer, Maja Valentić. - **Grafike aranĝis:** Josip Pleadin. **Presis:** Grafokom, Đurđevac, grafokom@kc.htnet.hr
**Anonctarifo:** 1/1 paĝo 1000 kn (135 EUR), 1/2 paĝo 500 kn 68 EUR, lasta titolpaĝo 2500 kn (328 EUR). Abono kvar numeroj jare 60,00 kn. Por eksterlando 10,00 eŭrojn. Unuopa numero enlande 15 kn, por eksterlando 3 eŭrojn.
***La redakcio ne respondecas pri la opinioj en la subskribitaj tekstoj.***

# UNIKAĴO: STUDI ESPERANTON EN FILOZOFIA FAKULTATO DE ZAGREBO!

amaskomunikiloj kaj en Kroatio **Novi sisački tjednik**.

En **Petrinja Esperanto-Societo el Sisak** planas Esperantan kurson kaj fondon de Esperanta societo. La inicita kunsido okazis la 15an de oktobro en **Hrastovička gora**, kadre de kaŝtana festo. La iniciatinto estas **Srećko Radulović**.

**Maja Valentić** nome de **Kroata Esperanto-Ligo** distribuis la diplomojn al kursanoj de **Kruno Puškar** en la urba biblioteko de **Križevci** la 21an de oktobro.

**Unuiĝo de zagrebaj esperantistoj** jarkunvenis la 27an de oktobro. Samtage kunsidis Kontrolkomitato de **Kroata Esperanto-Ligo.**

Nia membro, Porf. D-ro **Tomislav Treer** de **Agrikultura Fakultato** reprezentas Kroation en **FAO /ONA** Organizaĵo pri nutraĵo kaj agrikulturo en ties **Konsildona Komisiono pri Enlanda Fiŝado kaj Akvokulturo**. Dum ties kunsido en Romo la 28an de oktobro, kiam oni diskutis kiel redukti tradukkostojn de la komisiono, **Treer** vortumis "Mi estus feliĉa, se Esperanto estus la oficiala lingvo". (La laborlingvo de la komisiono estas la angla.)

Deko da membroj ripozis en la aranĝo **MEVO** en **Opatija/Lovran**, de la 14a ĝis la 16a de oktobro, en la aranĝo, prizorgita de **Orbis Pictus** de **Višnja Branković**.

**Spomenka Štimec** gastprelegos pri **Tibor Sekelj** en **Universala Esperanto-Asocio** dum la Malferma tago la 26an de novembro 2011. La jaro 2012 estas la jaro kiam oni festos la centan jubileon de lia naskiĝo. La jubila festo komenciĝos jam jarfine 2011 en Roterdamo.

> La retemuloj informiĝu pri **Tibor Sekelj** per la adreso: ***http://eo.wikipedia.org/wiki/Tibor_Sekelj***

La venonta numero de **Tempo** atingos vin post la jarŝanĝaj festoj.

Invitojn al **Hungara Esperanto-Kongreso** en **Szolnok** kaj al la oktobran **Seminario** en la germana **Esperanto-urbo Herzberg**, ni bedaŭrinde ĉi foje ne povis akcepti.

Kaj ne forgesu rigardi en tiu numero de **Tempo** al la rubriko pri **Vodnikova 9**! Nia ĉfa kredito por **Vodnikova 9 reduktiĝis al 17.172,24 eŭroj**! Tio estu bona novaĵo renkonte al decembro 2011!

Eluzu bone la lastajn semajnojn de la jaro 2011. Havu agrablajn kristnaskajn festotatgojn! La nova jaro 2012 estu por nia Esperanto kaj por ni ĉiuj sukcesa!

***S. Štimec***



***D-ro Velimir Piškorec***
Fotis Sebastian Kirf

Eblas studi Esperanton en **Filozofia fakultato de Zagrebo** ĉe orda profesoro **D-ro Velimir Piškorec.** Eble ne ĉiu kroata esperantisto konscias pri tiu fakto. Konsciiĝu! Disvastigu la informon!

La Zagreba Filozofia fakultato en la lerneja jaro 2011/2012 havas tion kion malmultaj fakultatoj de la mondo havas kaj kio estas la revo de multaj generacioj de esperantistoj.

La altan statuson por Esperanto en Kroatio akiris **D-ro Velimir Piškorec** dank' al sia kompetenteco: Li profitis de la fakto, ke li dum jaroj lekcias en **Germana fako** de la **Filozofia fakultato en Zagrebo** kaj ke li havis la okazon proponi novajn studobjektojn, kiuj estis akceptitaj en la oficialan studprogramon.

En Filozofia fakultato studentoj de Filozofia fakultato povas studi Esperanton kiel komencantoj kadre de du nedevigaj interlingvistikaj studobjektoj: unu Studobjekto estas titolita **Planlingvoj**. En tiu studobjekto povas studi studentoj de Germana fako. La studoj okazas germanlingve dum la vintra semestro, 2 h/sem., entute 26 horojn En la studprogramo estas uzata la germanlingva eldono de la lernolibro laŭ Zagreba metodo. Studentoj povas gajni 2 kreditojn.

La deviga legaĵo por tiu studobjekto estas **Interlinguistische Beiträge. Zum Wesen und zur Funktion internationaler Plansprachen** de **Detlev Blanke; Die Suche nach der vollkommenen Sprache** de **Umberto Ecco** kaj **Esperantski mozaik** de **Davor Klobučar**.

La alia studobjekto rilatanta al Esperanto portas la titolon **Interlingvistiko kaj strukturo de Esperanto**. Tiun fakon povas studi studentoj de Filozofia fakultato kiuj ne studas la germanan lingvon. Do, ĝi celas ĝenerale ĉiujn studentojn de Filozofia fakultato kiuj havas intereson pri tiu temo, krom germanistoj.

La studoj okazas kroatlingve dum la somera semestro, 2h/sem., entute 26 horojn. Por la studoj estas uzata la lernolibro laŭ Zagreba metodo en la kroata lingvo. Studento per tiu studo povas gajni 3 kreditojn.

Deviga legaĵo por tiu objekto estas la kroata traduko de la libro de **Umberto Ecco: La serĉado de la perfekta lingvo** kaj **Esperantski mozaik** de **Davor Klobučar**.

Kroatlingva prikribo de studobjektoj en la reto:

Bonvolu viziti la jenajn retejojn por detaloj:

Planlingvoj

http://www.ffzg.unizg.hr/german/cms/index.php?option=com_content&task=view&id=94&Itemid=1

Interlingvistiko kaj strukturo de Esperanto

http://www.ffzg.unizg.hr/german/cms/index.php?option=com_content&task=view&id=799&Itemid=1

Por pli profunde priskribi la paŝojn necesajn por ke realiĝu tia atingo, ni donas la vorton al D-ro Piškorec sur la paĝoj sekovontaj.

***Laŭ informoj de D-ro V. Piškorec / S. Štimec***

# INTERLINGVISTIKO KAJ ESPERANTO EN UNIVERSITATO DE ZAGREBO

## Enkonduko

Universitato de Zagrebo estas la plej granda kaj tradiciriĉa universitato en Kroatio kun pli od 55 mil studentoj. Ĝi konsistas el tridek fakultatoj kaj tri akademioj pri artoj, el kiuj Filozofia fakultato kun siaj 25 fakoj estas unu el la plej grandaj unuoj de la Universitato kun ĉirkaŭ kvin mil studentoj. La plejmulto de studentoj ĉe Filozofia fakultato kombinas dum sia studado du studprogramojn. Ĉe la fakultato estos ofertitaj en la akademia jaro 2008/2009 eĉ 45 diversaj bakalaŭraj studprogramoj.

Dum la akademia jaro 2005/2006 okazis ampleksa kaj relative radika studreformo laŭ Bolonjaj interkonsentoj - por Filozofia fakultato tio praktike signifis, ke la ĝistiamaj kvarjaraj diplomaj studprogramoj estis anstataŭigitaj per dufazaj studprogramoj laŭ la modelo 3+2 aŭ escepte 4+1. Kutime la unua studperiodo ofertas ĝeneralajn konojn pri iu studobjekto kaj la dua specialiĝon kadre de la sama studobjekto. Ekzemple, la studentoj de germanaj studoj povas en sia dua, diploma studperiodo specialiĝi pri interkulturaj germanaj studoj, instruado de la germana aŭ tradukado kaj interpretado. En akademia jaro 2008/2009 komenciĝos la dua studperiodo laŭ tiu principo. Do, inter 2005 kaj 2008 paralele ekzistis du studsistemoj - la nereformita kaj la reformita. Ekde 2008/2009 ekzistos nur unu, la reformita studsistemo.

## Seminario pri eko- kaj interlingvistiko en 2007/2008

Laŭ la malnova studprogramo ĉiu studento de germanaj studoj devis en sia kvara studjaro enskribiĝi al unu lingvistika seminario. La oferto de seminarioj variis de jaro al jaro depende de la nombro de docentoj - kutime oni ofertis tri aŭ kvar seminariojn. Sed en la akademia jaro 2007/2008 la oferto de seminarioj estis pli riĉa, ĉar la Germana fako ricevis junajn geasistantojn (nomatajn en Kroatio sciencaj novicoj), al kiuj oni transdonis la pli ĝeneralajn kaj enkondukajn studobjektojn pli frue instruitajn de pli maljunaj docentoj. Tiuj, inverse, kiel pli spertaj, povis dediĉi sin al ellaborado de specifaj seminarioj korespondantaj al siaj fakaj interesoj.

Ĉar mi mem intertempe apartenas al pli maljunaj kunlaborantoj - kvankam la plej juna el ili - mi ricevis la eblecon gvidi eĉ du seminariojn. La seminarion pri lingvaj kontaktoj - ĝenerala teorio de lingvaj kontaktoj kaj german-kroataj lingvaj kaj kulturaj kontaktoj - mi jam ofertis dum kelkaj jaroj, sed oni petis min proponi ankaŭ iun ĝis tiam ne pritraktitan lingvistikan temaron.

Informiĝinta pri faka literaturo pri ekolingvistiko kaj antaŭ kelkaj jaroj kroatiginta du ĉapitrojn el la germana enkonduko al ekolingvistiko de aŭstra lingvisto **Alwin Fill**, mi supozis, ke tiu lingvistika disciplino estus oportuna kaj interesveka por niaj studentoj. Ekolingvistoj interalie pritraktas lingvan diversecon kaj aktive klerigas pri la bezono aktive protekti tiun diversecon. Aliflanke oni ankaŭ atentigas pri dominado de "grandaj" lingvoj kiuj "manĝaĉas" malgrandajn lingvojn kaj pri la el tio rezultinta lingva malegaleco kadre de internacia komunikado.

En tiu punkto mi vidis ligilon al interlingvistiko, kiu el la perspektivo de neŭtrala internacia komunikado pritraktas pli-malpli similajn temojn. Nature kaj logike sekvis la ideo, ke por miaj studentoj estu bone konigi al ili jam 120 jarojn funkciantan Esperanton.

Nun mi skizu la lingvan profilon de miaj studentoj: preskaŭ ĉiuj el ili jam bone parolis la germanan kaj kutime la anglan. Krome, plejmulto el ili lernis en gimnazio la latinan kiel devigan studobjekton. Estis jam dirite, ke en Filozofia fakultato kutime oni studas du fakojn - plej ofte du fremdlingvojn, sed ankaŭ unu fremdlingvon kombinatan kun humanismaj fakoj kiel historio, sociologio, pedagogio, etnologio, antropologio aŭ arkeologio. Tio konkrete signifas, ke miaj seminarianoj krom la gepatra kroata lingvo, la germana kaj la angla scipovis ankaŭ aliajn lingvojn: la latinan, la italan, la francan, la hispanan, la rusan kaj la slovenan. Do, miaj studentoj jam estis plurlingvanoj kiam ili komencis lerni Esperanton.

La antaŭscio de aliaj lingvoj ĉe miaj studentoj estis bonega bazo por kompara instrualiro rilate al etimologio de Esperanta vorttrezoro, sed ankaŭ al gramatiko. La ĉefa lernolibro uzata en la seminario estis la germanlingva eldono de la lernolibro kompilita surbaze de Zagreba Metodo (germanlingva, ĉar en Germana fako de Filozofia fakultato oni tradicie uzas la germanan kiel instrulingvon!). Uzataj estis ankaŭ ĉapitroj kaj ekzercoj el aliaj Esperanto-lernolibroj por plivastigado de vorttrezoro kaj gramatika ekzercado.

Mi koncentriĝis al instruado de Esperanto kaj ne al teoriumado pri interlingvistiko precipe pro la fakto, ke jam en aŭtuno 2007 mi sciis, ke ĝeneralaj interlingvistikaj temoj por miaj seminarianoj estos pritraktataj de mondfama interlingvisto **Detlev Blanke** dum lia gastado en Filozofia fakultato en majo 2008.

Nome, dum mia renkontiĝo kun **Detlev Blanke** en novembro 2007 mi informis lin pri mia intenco instrui interlingvistikon kaj Esperanton demandante lin ĉu li volus gasti en mia seminario pri eko- kaj interlingvistiko kaj paroli pri teorio kaj historio de planlingvoj kaj interlingvistiko. Li subtenis mian ideon kaj esprimis sian pretecon veni al Zagrebo. Do, mi decidis ne pritrakti mem tiujn temojn kiuj poste devis esti prezentotaj de li.

La sukcesplena gastado de **Detlev Blanke** estis okazigita en majo 2008. Jen esperantigitaj titoloj de liaj prelegoj en la germana: 1. Interlingvistiko - objekto kaj aktuala pozicio en la lingvoscienco, 2. Internaciaj planlingvoj - karakterizo kaj tipologio, 3. Vortfarado en Esperanto kaj la germana - kontrastive, kaj 4. Esperanto - internacia socilingvistika eksperimento. Kiel el projekto fariĝis lingvo (La detalan raporton pri tiu gastado vidu en Zagreba Esperantisto, 3/2008, p. 76-77).

En mia seminario pri eko- kaj interlingvistiko gastis komence de majo 2008 ankaŭ anoj de zagreba **Studenta Esperanto-Klubo** kiuj parolis al miaj studentoj pri siaj aktivecoj kaj eblecoj kiujn ofertas Esperanto por gejunuloj. La gastadoj de sinjoro Blanke kaj junaj zagrebaj esperantistoj ebligis al mi koncentriĝi al instruado de Esperanto kombinita kun seninterrompa diskutado pri etimologiaj aspektoj de Esperanto. Krome, la studentoj atingis ankaŭ bazajn konojn de Esperanto-gramatiko. Al instruado de Esperanto estis dediĉitaj entute sep instrusesioj de la dusemestra seminario en aprilo kaj majo - nun mi iomete bedaŭras, ke mi ne reduktis teoriumadon pri ekolingvistiko al kosto de Esperanto-instruado, ĉar la studentoj montris grandan entuziasmon lernante Esperanton. Eĉ la fakto, ke la seminario okazadis lundon je la 8h00 ne malhelpis al ili partopreni relative multnombre. La Esperanto-instruadon ĉeestis kutime dek ĝis dekkvin studentoj.

La pozitivan reagon al Esperanto-instruado montras ankaŭ la fakto, ke tri seminarianinoj kaj unu asistantino volis ankaŭ post la fino de prelegperiodo komence de junio 2008 daŭrigi la lernadon de Esperanto. Mi tre ekĝojis pro ilia entuziasmo kaj lernopreteco kaj ni regule renkontiĝis dum junio kaj komence de julio en mia oficejo unu fojon semajne po 90 minutoj. Ili esprimis deziron ankaŭ dum la sekvonta akademia jaro daŭrigi la lernadon. Kvankam tio estas aldona senpaga devigo por mi, mi esperas ke mi sukcesos inkludi tiun kurson en mian laborprogramon.

Priskribante la seminarion kaj la respektivan organizan kadron, mi devas ankaŭ mencii vere tre gravan fakton, ke la de mi proponita temaro por la seminario estis varme apogita de la estrino de Katedro por germana lingvo, profesorino d-rino **Zrinjka Glovacki-Bernardi**, kiu kiel homo kaj kiel fakulino estas tre malferma por novaj ideoj. Ŝi mem estas elstara kroata lingvistino kiu okupiĝas pri tekstolingvistiko, socilingvistiko kaj lingvofilozofio. Pli frue, eĉ antaŭ nur kelkaj jaroj estus tute nekredeble, ke oni ofertu al studentoj de germanaj studoj pritrakti iun ajn temaron kiu ne rilatas rekte al la germana.

## Seminarioj pri interlingvistiko kadre de reformitaj studprogramoj en 2008/2009

La faka malfermeco kaj preteco de profesorino **Glovacki-Bernardi** apogi

interlingvistikon kiel studobjekton kaj min kiel sian kunlaboranton, denove montriĝis komence de junio 2008, kiam Germana fako - same kiel ĉiuj aliaj fakoj en Filozofia fakultato - rajtis modifi sian reformitan studprogramom ĝis 20%. Dum niaj diskutoj pri eblaj modifoj, mi - rememorigante la gekolegojn pri bona reago de niaj studentoj al Esperanto-instruado kaj interlingvistikaj temoj prezentitaj dum la sukcesplenaj prelegoj de Detlev Blanke - proponis unusemestran elekteblan studobjekton por studentoj de germanaj studoj nomitan **Plansprachen** kaj simile strukturitan, kroatlingvan studobjekton sub la titolo **Interlingvistiko kaj strukturo de Esperanto**, elektebla de ĉiuj studentoj de Filozofia fakultato. Ambaŭ fakoj estus partopreneblaj de tiel nomataj antaŭdiplomaj, bakalaŭraj studentoj kadre de la studprogramoj reformitaj laŭ Bolonjaj interkonsentoj. Do, mia propono por instrui tiujn du studobjektojn estis unue formale akceptita de profesorino **Glovacki-Bernardi** kiel estrino de Katedro pri germana lingvo kaj poste ankaŭ dum la sesio de Germana fako en majo 2008. La 2an de julio 2008 ĝi estis fine aprobita de senato de Filozofia fakultato dum la sesio dediĉita al proponoj por modifoj de la ekzistantaj studprogramoj.

Jen la Esperantigita priskribo de la enhavo de interlingvistika seminario:

*La nomo de studobjekto:* Interlingvistiko kaj strukturo de Esperanto

*Docento*: Dr. sc. Velimir Piškorec, eksterordinara profesoro

*Poentoj*: 3

*Lingvo*: la kroata

*Daŭro*: unu semestro

*Statuso de la studobjekto*: elektebla por ĉiuj studentoj de Filozofia fakultato

*Formo de instruado*: 1 instruhoro por prelego kaj 1 instruhoro por ekzercoj (entute 90 minutoj)

*Antaŭkondiĉoj por partopreni:* la studentoj devis esti enkribitaj en iu ajn bakalaŭra studprogramo ĉe Filozofia fakultato

*Celo*: akiro de scioj pri ĝeneralaj principoj de interlingvistiko kiel scienco pri planlingvoj kaj de historio de planlingvoj, iliaj sistemlingvistikaj aspektoj; akiro de bazaj konoj de strukturoj kaj elementoj de Esperanto kaj de baza komunika kompetenteco en Esperanto

*Metodoj*: fronta instruado, grupa kaj individua plenumado de taskoj

*Enhavo*: Kadre de la studobjekto pritraktotaj estos diversaj aspektoj de planlingvoj kiel specifaj lingvosistemoj konstruitaj precipe por neŭtrala internacia komunikado. Diskutotaj estos klasifikoj de planlingvoj depende de ilia funkcio (filozofiaj lingvoj kaj tiuj por parola kaj skriba komunikado), lingva materialo el kiu ili konsistas (aprioraj kaj aposterioraj lingvoj) kaj rilate al la demando ĉu tiu materialo estis elprenita el unu aŭ pluraj lingvoj. Prezentotaj estos ankaŭ diversaj socikulturaj kuntekstoj en kies kadro unuopaj planlingvoj aŭ planlingvaj projektoj estis konstruitaj. Oni analizos ankaŭ kriteriojn aplikitajn de unuopaj aŭtoroj de planlingvoj kaj motivojn laŭ kiuj ili orientiĝis. Skizotaj estos ĉefaj trajtoj de internacie uzitaj kaj uzataj planlingvoj (Volapuko, Esperanto, Ido) kaj de tiuj kies aŭtoroj devenas el Kroatio (**Juraj Križanić**: Ruski jezik, **Juraj Bauer**: Spelin).

Speciale fokusota estos Esperanto kiel la plej sukcesinta planlingvo en la historio de la homaro, kiun karakterizas specifa lingva komunumo, 120-jara tradicio de uzado, plurfunkcieco kaj ampleksa korpuso de ĝeneralaj, literaturaj kaj fakaj tekstoj. Rilate tiun fakton, oni detale pritraktos gramatikajn, vortfaradajn kaj leksiko-semantikajn aspektojn de Esperanto. La ĉefa metodo estos kompara analizo de tiuj aspektoj kun lingvaj strukturoj kaj elementoj de lingvoj parolataj de seminarianoj, precipe de la gepatra kroata lingvo, sed ankaŭ de lingvoj uzataj en kroatia kultura kaj kleriga kunteksto, ekzemple la angla, la germana, la franca, la itala kaj la latina.

*Devoj de studentoj*: regula ĉeestado, skriba ekzameno meze de semestro kaj parola ekzameno fine de semestro

# EROŜENKO EN JAPANIO

**Mine yositaka** kompilis kadre de eldona agado de **Japana Esperanta Librokooperativo** imponan serion de ses volumoj verkitaj de **Eroŝenko**. La volumoj aperis sub la komuna titolo **Verkoj de V. Eroŝenko.**

**Lumo kaj ombro** portas la numeron **Vol. 1** kaj enhavas novelojn de **Eroŝenko**, originale verkitaj en Esperanto, plejparte en **Ĉinio** (**Unu paĝeto de mia lerneja vivo, Antaŭdiro de la ciganino, Rakontoj de velkinta folio, Turo por fali, La kvar printempaj skizetoj**).

La laboro pri **Eroŝenko** de **Mine yositaka** estas malmulte konataj ekster Japanio.

**Vol. 2** kun la titolo **La tundro ĝemas** prezentas en Esperanto originale verkitajn novelojn pri la siberia popoleto **ĉukĉoj** (**Ĉukĉa elegio, Ĉukĉa idilio, Blindaj ĉukĉoj, La trimova ŝakproblemo**).

**Vol. 3** aperis sub la titolo **Malvasta kaĝo**, kie estas publikigitaj noveloj tradukitaj el la japanaj originaloj kaj verkitaj en **Japanio**. La tekstoj estas tradukitaj en Esperanton de **Miyamoto masao**. La titoloj estas **Malvasta kaĝo, Fiŝoj malĝojas, Apud marĉo, Lando de ĉielarko**. La volumo inkluzivas eseon de **Miyamoto masao Pri la literatura merito de V. Eroŝenko.**

**Vol. 4** havas la titolon **Stranga kato**. En tiu volumo troviĝas **Koro de aglo** (trad. **Sakamoto**), **Malŝparo de favoraj donacoj** (trad. **Konisi**), **Homoj-dioj sur Jupitero** (trad. **Sibajama**), **Kapo de scienculo** (trad. **Takeuti**), **Pluvas** (trad. **Miyamoto**), **Stranga kato** (orig.)

**Vol. 5** de fabeloj portas la titolon **La kruĉo da saĝeco**, kun la subtitolo **Hinda fabelo**. Pliaj noveloj estas **Tri ĝemeloj** (Afrika fabelo), **Ĉielulino** (korea fabelo), **Alihan Timemulo** (turkmena fabelo) kaj **La unua eksterlanda vojaĝo**. Detala eseo de **Mine Yositaka** kun la titolo **Vivo kaj verkoj de Vasilij Eroŝenko**, fermas la volumon.

**Vol. 6** kun la titolo **Cikatro de Amo** enhavas la novelojn de **Eroŝenko** tradukitajn el la ĉina en Esperanton de **Shi Cheng Tai** kaj **Guozhu**: **La tragedio de kokido, Aveto de l' Tempo, Cikatro de amo** kaj **Ruĝa floro**.

En la kolekto troviĝas eseo de **Shi Cheng tai Eroŝenko en Ĉinio** kaj **Antaŭparolo** al **Ŝipo de feliĉo** verkita de la fama ĉina verkisto **Bakin**. La sesa volumo aperis en la jaro 1996.

**Mine yositaka** vivtenas la kompletan verkon de **Eroŝenko** kaj helpas ke liaj tekstoj kun kritikaj komentoj kaj ampleksaj kaj informriĉaj notoj estu por ni atingeblaj.

Aparte kortuŝe estas scii ke la nomo **Eroŝenko** vivas en la japana pentroarto, spertata per la okuloj, la organo kiun **Eroŝenko** ne povis uzi. Kiam li pozis kiel modelo por la fama japana pentristo **Nakamure Tune**, desegninta en la stilo de impresionismo, **Eroŝenko** ne povis vidi la rezulton de la pozado. Sed preskaŭ cent jaroj post la pozado, multaj japanoj daŭre admiras la pentraĵon **Portreto de sinjoro Eroŝenko**. La japana pentroarto ne abundas per impresionismaj verkoj. **La portreto de Eroŝenko** estas rarajo en la japana pentroarto kaj la blinda esperantista verkisto estas la zorge gardata trezoro de la japana kulturo. La ejon de KEL ornamas kopio de **La portreto de Eroŝenko**, konservita de japana murkalendaro, afable disponigita por nia kleriĝo de **Kikushima Kazuko Krizantemo**




***S. Štimec***

# OMAĜO AL VASILIJ EROŜENKO (1890 -1952)




*Mikaelo Bronŝtejn pri Vasilij Eroŝenko*

**Judita Rey Hudeček**, prezidantino de **Kroata Esperanto-Ligo** enkondukis salute la ĉi-jaran **Renkontiĝon de verkistoj**.

**Spomenka Štimec** prezentis esencajn informojn pri **Vasilij Eroŝenko**, blinda verkisto kiu apartenas al pluraj kulturoj. Japanoj eldonis liajn kompletajn verkojn per 6 libroj de eldonejo de **MINE Yositaka**, rusoj honoris lin per speciala poŝta koverto okaze al la centa jubileo de lia naskiĝo, ukrainoj memoris lin per speciala monero, ĉinoj konsideras lin inspirinto de la granda ĉina verkisto Lu Sin. Kiel modelo li pozis al la prestiĝa japana pentristo **NAKAMURA Tune** kaj tiu portreto, titolita **La portreto de sinjoro Eroŝenko** estas konsiderata nacia trezoro de Japanio.

La publiko, sidanta antaŭ la kopio de la portreto de Eroŝenko, aŭdis lian plej faman poemon en la esperanta originalo interpretita de **Mikaelo Bronŝtejn** kaj en la kroata traduko de **Ivo Borovečki**, prezentita de **Spomenka Štimec: Antaŭdiro de la ciganino**. Per tiu poemo la blindan poeton vestitan per la brodita ukraina ĉemizo ekkonis la publiko de la tiamaj Belartaj Konkursoj dum UK en Nürnberg 1923, kiam la poemo ricevis premion. Laŭdire li akompanis sin mem dum la prezento per balalajko...

**Mikaelo Bronŝtejn**, la ĉefa gasto de **Renkontiĝo de verkistoj** en **Hrašćina** enkondukis la temon **Eroŝenko**. Enkonduke li pledis por pli justa prononco de lia nomo: ne Eroŝenko sed Jeroŝenko. Tiu prononcmaniero estus pli konforma al lia hejma lingvo.

**Bronŝtejn** memorigis nin pri lia biografio:

"**Vasilij**, la dua filo de **Jakov Jeroŝenko**, naskiĝis en vilaĝo **Obuhowka** en **Kurska gubernio** en januaro **1890**. (Jam pri la dato aperas kelkaj interpretoj: laŭ kelkaj fontoj la 1-an de januaro, laŭ la aliaj la 12-an, laŭ la malnova kalendaro 1889).

En la kvara vivojaro la malsano kaŭzis lian blindiĝon. Naŭjara, li trafis al blindullernejo en **Moskvo**. Kia bonŝanco por blinda knabo kies gepatroj ne estis riĉuloj!"

**Bronŝtejn** starigis la demandon kial ni la poeton konas nur per lia poemo **Antaŭdiro de la ciganino**? Li atentigis nin ke **Aleksandr Harkovskij** verkis pri li novelon **La homo, kiu vidis la mondon.** Ukraina esperantistino **Julia Patlanj** nuntempe eble estas la sola kiu esploras la vivon de **Vasilij Eroŝenko**. Ŝia laboro, bedaŭrinde nur ruslingve, videblas en ***http://www.eroshenki-epoko.narod.ru***

**Julia Patlanj** ricevis de **Bronŝtejn** lian kolekton pri **Jeroŝenko**.

"En 1911 ni trovas lin kiel muzikisto en restoracia orkestro. Tie li de **Anna Nikolajevna Ŝarapova** aŭdis pri **Esperanto**. Jam en 1912 pluraj esperantistoj en Eŭropo helpas ke li atingu **Londonon** kaj eniru **Reĝan kolegion por blinduloj.** Nur dum du monatoj li eltenis la disciplinon de la blindula kolegio.

En la jaro 1914 ni trovas lin - en **Japanio**. Tiu lando fariĝis lia dua patrujo. Pro lia rilato al maldekstremaj rondoj, li ofte estis inspektata de la japana polico. La japana polico decidis pri lia ekspedo el **Japanio**? Post dujara restado li direktiĝis al **Tajlando, Birmao, Hinda Unio, Ĉinio**..."

(Pri restado de **Eroŝenko** en **Ĉinio** raportas **Shi Cheng tai.**)

"Liaj prozoj dokumentas pri lia restado ĉe ĉukĉoj en **Kamĉatko** ... Li estos instruisto en blindullernejo en la urbeto **Kuŝka** en **Turkmenio**. Post multaj jaroj da vagado li revenos al sia **Obuhowka** kaj mortos tie en decembro 1952.

Ĉu estas juste, ke dum jardekoj, neniu esperantista eldonejo interesiĝas pri reeldono de liaj lumoplenaj fabeloj, brilaj rakontoj kaj pomeoj?

***Mikaelo Bronŝtejn/ Spomenka Štimec***

# EROŜENKO EN ĈINIO

Tio estas la titolo de la artikolo de Chi Chengtai en la libro Vento sed kun spuro, eldonita de Ĉina Esperanto-Eldonejo. La aŭtoro permesis mallongigi la tekston por nia gazeto.

Vasilij Eroŝenko estas fame konata en Ĉinio. Li, blinda poeto de Rusio, estas protagonisto de la novelo **La komedio de la anasoj** de fama ĉina verkisto **Lusin** (1881-1936).

Eroŝenko estis forpelita de la japana registaro el Japanio en 1921, kondamnita kiel **danĝera ulo** ĉar li partoprenis en mitingoj de socialistoj kaj proletoj; ĉeestis la festan agadon dum la Unua de Majo kaj prelegis por propagandi socialismon. Li estis sendita al **Vladivostok** kaj la poeto mem intencis reiri hejmen tra **Siberio**. Tamen en lian patrujon oni permesis neniun eniri kaj li turnis sin al **Ĉinio**. Post kvin monatoj, en oktobro, li atingis **Ŝanhajon**. Tie lia unua akceptinto estis **Hujucz (1897 -1986)**, la pioniro de la ĉina **Esperanto-Movado**, **redaktoro de Dongfang Zazhi (Orienta Revuo)**, tiam nur 25-jara junulo. Laŭ la aranĝo de **Hujucz**, **Eroŝenko** fariĝis instruisto de jus fondita Esperanta Lernejo en **Ŝanhajo**. **Hujucz** letere informis **Lusin** en **Pekino** pri la alveno de **Eroŝenko**.

**Eroŝenko** informis al la **Ŝanhaja Esperanto-Asocio** okazigi koncerton por solvi ties financan malfacilon per gajno de eniraj biletoj. **Eroŝenko** mem kantis ruse kaj Esperante (kun aliaj.)

**Lusin**, la fondinto de la moderna ĉina literaturo, jam rimarkis pri **Eroŝenko**, leginte en japanaj ĵurnaloj pri li. (Li studis en Japanio kaj scipovis la japanan.) Li ĉinigis fabelojn de **Eroŝenko** el la japana por konigi tiun blindan poeton al la ĉina publiko.

...

La blinda poeto loĝis en **Ŝanhajo**, sed tie li ne havis belan songon nek trovis la homaran printempon, kvankam la revolucio en lia patrujo donis al li malprecizan esperon. Li simpatiis kun la suferoj de la popolamasoj en **Ĉinio**; pri tio li certe aŭdis multe, kvankam li ne vidis propraokule. Li prenis la plumon kaj en Esperanto verkis skizon de **Rakonto de la velkinta folio**.

"Ho, verdaj fratetoj, venu al la lando de l' revoj".

Sed kie estas tia mirinda "lando de revoj"? Eĉ la poeto mem ne klare scias pri tio, tiam, tamen li aludis en sia rakonto, ke "la songo pri la lando de l' revoj forflugis al la nordo, al tiu neĝlando mistera, al la lando de la granda spirito, de fortoj kaŝitaj, kiuj minacas renversi la mondon..."

Oni povas kompreni kion li sugestis per tiu "mistera lando", kie "troviĝas "la lando de l' revoj". Ĉu ĝi ne temas pri la rusa neĝkampo, kie iris revolucio renversanta la malnovan mondon? Tie estas la hejmloko de la granda Oktobra Revolucio. Kiam **Eroŝenko** verkis tiun ĉi rakonton, la




Oktobra Revolucio jus trapasis kvar jarojn, kaj antaŭ du jaroj en **Ĉinio** ekplodis la Nova Kultura Movado de la 4a de Majo, la kanona sono de la krozŝipo vekis ĉinajn progresemajn intelektulojn, kiuj ĝuste serĉis "sonĝon pri printempo". La verko de Eroŝenko kortuŝis ĉinajn legantojn, kiuj eĉ rigardis lin kiel profeton.

**Hujucz** tuj ĉinigis **Rakontoj de velkinta folio** el la manuskripto. La traduko aperis en **Orienta Revuo**, n-ro 5-6, vol.19, marte 1922. Poste **Hujucz** kompilis sian tradukon kaj tradukon de lia fabelo **Ŝipo de feliĉo**, ĉinigita de **Xia Mianzhun** (1886-1946) kaj publikigis kiel **Rakonto de velkinta folio** en 1923. En **Ŝipo de feliĉo** la aŭtoro demandas "Kiam alvenos tiu ŝipo de feliĉo, portanta la homaron al la lando de feliĉo?"

La esperantaj originalaĵoj de **Eroŝenko** aperis unue sur la paĝoj de **Verda Lumo**, la organo de **Ŝanhaja Esperanto-Asocio**, kaj la **Verda Ombro en Tajpej.** Poste **Hujucz** eldonis libroforme **Ĝemo de unu soleca animo**, en la nomo de **Ŝanhaja Esperanto-Asocio**. En tiu libreto troviĝas **Unu paĝeto el mia lerneja vivo, La tago de l' monda paciĝo, Rakontoj de velkinta folio** kaj kvar poemoj: **Homarano, Antaŭdiro de la ciganino, Malespera koro** kaj **Lulkanto**.

Fabelaro de **Eroŝenko** estis eldonita en la ĉina lingvo de **Shangwu-Librejo, Ŝanhajo**, en 1923 kun 12 pecoj: 9 noveloj estas tradukitaj de **Lusin: Malvasta kaĝo, Fiŝoj malĝojas, Apud marĉo, Koro de aglo, Sonĝo de printempa nokto, Stranga kato, Du malgrandaj mortoj, Pri homaro, Incendio de la mondo.** Du novelojn esperantigis **Hujucz**: **Unu paĝeto en mia lerneja vivo** kaj **Turo por fali.** Unu novelo estis tradukita el la japana de **Wang Luyuan Lando de ĉielarko**.

Tiamaj ĉinaj legantoj tre intimis kun la penso kaj sento de **Eroŝenko**.

...

Kun ĉagreno de amo kaj malamo **Eroŝenko** sentis sin soleca en **Ŝanhajo**. Li deziris veturi al **Pekino**, la centro de la Nova Kultura Movado. En februaro de 1922 li alvenis al Pekino kaj loĝis en la hejmo de **Lusin** kaj ties frato **Zhou Zuoren** (1885-1966) verkisto, esperantisto, tiam profesoro de **Pekina Universitato**. Rekomendita de **Lusin**, **Eroŝenko** estis engaĝita de **Cai Yuanpei** (1868-1940), la rektoro de **Pekina Universitato.** Kiel docento **Eroŝenko** instruis en la universitato Esperanton kaj la rusan literaturon. Li ĉeestis kunvenojn, partoprenis en mitingoj kune kun studentoj. Li prelegis en la angla, la japana kaj Esperanto. **Zhou Zuoren, Geng Mianzhi** kaj aliaj fariĝis liaj interpretistoj.

(Poste lia interpretisto fariĝos **Wang Luyan** (1901-1944), posta tradukisto kaj verkisto. Li per **Eroŝenko** ekamis la litertauron de **Orienta Eŭropo** ... kaj ĉinigis la unuan kroatan romanon al la ĉina **Konfeso** de **Milka Pogačić**, per Esperanta traduko de **Antonija Jozičić**. Tiel **Eroŝenko** helpis al la kroata romano atingi Ĉinion.)

***Shi Chengai***

La libron de **Shi Chengtai** kun titolo **Vento sed kun spuro** kaj ĉapitro **Eroŝenko en Ĉinio** ilustris fama ĉina desegnisto **Ding Cong** (mortinta en 2009). Ni represas lian portreto de Eroŝenko (kun anasoj), kun permeso de la familio.

***Daŭrigo en la venonta numero de Tempo.***

# KREDINDAJ KAJ LEGINDAJ
# *LECIONOJ POR KNABO*

Ni ĉiuj scias ke noveloj havas malfacilan taskon: limigitaj je spaco kaj tempo, per malmulte da rolantoj, priskriboj kaj dialogoj ili devus interesigi la leganton kaj veki certajn sentojn en li.

En ***Lecionoj por knabo*** **Mikaelo Bronŝtejn** sukcese faris tion – liaj noveloj estas interesaj kaj legindaj.

La libro estas eldonita en la jaro 2009 en **Moskvo** de la eldonejo **Impeto** kaj dediĉita al 60-jariĝo de la aŭtoro. Krom la ĉarmaj enkondukaj omaĝpoemoj, verkitaj de aliaj poetoj, la 127-paĝa novelaro ankaŭ enhavas ok novelojn de Mikaelo Bronŝtejn, publikigitajn dum la antaŭaj jaroj en diversaj periodaĵoj. La titolo de la libro estas transdonita el la titolo de la unua novelo en la libro, verkita en 2009. Tiu aŭtobiografia, nostalgia kaj amuza prozaĵo estas pli ampleksa ol aliaj en la libro kaj enhavas la kronologian rakonton pri la junula viro kaj lia evoluo. Ĝi temas pri maturiĝo, pli precize, pri seksa maturiĝo de **Janko Goldfarb**, juda knabo el Ukrainia urbeto. El la perspektivo de tiu knabo la prozaĵo bildigas lian maturiĝon, ekde lia kvara jaro kaj la unua konscia ekinteresiĝo pri knabinoj ĝis la studentaj jaroj kaj lia unua amafero. Dum tiu periodo de sia vivo Janko renkontis multe da homoj kiuj apartenas al diversaj nacioj: ukrainoj, poloj, rusoj, ciganoj, koreoj, litovoj. Sed liaj konfliktoj kun aliaj rolantoj neniam baziĝis sur la nacia nivelo sed ili ĉiam havis socian karakteron. La okazaĵoj de la ĉefa heroo certe estas familiareskaj ne nur al knaboj de lia epoko (aŭ plenkreskuloj kiuj tiam estis knaboj) sed ankaŭ al la knaboj de antaŭaj kaj venontaj epokoj.

Aliaj noveloj ankaŭ estas realismaj, prezentitaj en kredinda maniero. Tamen tiuj noveloj enhavas tipan karakteron de novelo: ili estas mallongaj, dinamikaj, havas la enkondukon, pinton kaj malfermitan finon, la limigitan spacon kaj tempon, malmultajn rolantojn.

La temoj de la noveloj varias: ekzemple la novelo ***Peco de kablo*** pritemas la intrigojn kaj la komptojn en la uzino Centrolit dum la sovetia periodo, en la novelo ***Opeleĉjo*** la ĉefa rolanto estas aŭtomobilo Opel-Kadett Hatchback aŭ Opeleĉjo kiu volas venĝi al la nova mastro, ***La Ordeno*** temas pri la amara laboro en karbominejo dum sovetia epoko, ***Fatraso*** pri almozulo kiu ekmontras sian havon de centdolaraj usonaj monbiletoj...

En tiuj kaj ankaŭ en aliaj noveloj en ***Lecionoj por knabo*** Bronŝtejn konvinke bildigas la rusan/sovetian vivon de diversaj herooj en diversaj cirkonstancoj. La libro certe estas valora kontribuo al la esperanta literaturo.

***Maja Valentić***

# Eroŝenko vivas inter nevidantaj esperantistoj

Ligo Internacia de Blindaj Esperantistoj - LIBE, fondis en 1983 **Fonduson Vasilij Eroŝenko**. La fonduso portanta la nomon de fama esperantlingva verkisto celas havigi senpage brajlajn librojn en Esperanto al tiuj organizaĵoj (asocioj, bibliotekoj, lernejoj, kluboj) aŭ eĉ individuoj, kiuj bezonas ilin sed pro diversaj kaŭzoj ne povas pagi ilin. La fonduson administras kasisto de LIBE , al kiu bv. sin turni la organizaĵoj aŭ personoj, kiuj deziras aŭ ricevi helpon de tiu fonduso, aŭ mem helpi la fonduson per mondonacoj.

***Antun Kovač /Dragan Štoković***

# MIA NOMO NE GRAVAS
## (La unua provo de membiografio)

Efektive, ne gravas la nomo, gravas la homo. Sed mi ne faru sekreton. Mi estas Mikaelo (Moissej) Bronŝtejn, 62 jarojn aĝa provincano, pace loĝanta kun mia edzino en la Leningrada regiono, Rusio. Mia biografio ekster Esperantio estas tre simpla kaj ordinara. Mi naskiĝis en Ukrainio, 16 jarojn aĝa eklaboris en uzino, poste studentiĝis en la Politekniko de Tula, en Rusio, ĉar tiam limoj inter la du ŝtatoj ne ekzistis. Krom la diplomo de elektro-inĝeniero, mi ricevis ankaŭ la ĵurnalistan, sed mia profesia laboro en la gazetaro okazis nur dum miaj studentaj jaroj, kiam mi devis gajni mian panon per ĉiuj eblaj rimedoj. Poste, dum la tuta vivo mi havis nur kvar oficlokojn. Dum dek jaroj mi laboris en la filio de la fama Leningrada uzino "Kirovskij", poste dum la vica deko – en karbominejo de la norda urbo Vorkuta, trans la Polusa cirklo. La trian jardekon prenis la uzino, kiu produktas plastajn varojn. Nun mi estas pensiulo, havanta pli-malpli pagatan manaĝeran oficon en mia antikva rusa urbeto, en la firmao, kiu produktas lignajn domojn. Jen estas la tuta vivo, se oni ne parolu pri Esperanto.

Se oni tamen parolu pri Esperanto, oni devas esti pli babilema. Tio koncernas almenaŭ min mem, ĉar ne malpli ol tri kvaronoj de mia vivotempo pasis ĝuste en la ĉarma Esperanto-lando.

Do. Mia ĝusta naskiĝoko estas la okcidenta Ukrainio. Pli precize - urbeto Proskurov, ekde 1954 ricevinta la nomon Ĥmelnickij. Bogdan Ĥmelnickij estis la ukraina hetmano, kiu 300 jarojn antaŭe venigis Ukrainion sub regadon de la rusa caro, signinte la kontrakton pri tio ĝuste apud mia naskiĝloko. Nun en la sendependa Ukrainio oni ne plu estimas la hetmanon, sed ne li gravas en mia historio. Gravas la zamenhofeca etoso de ĉiuj ĉelandlimaj urbetoj, kiu karakterizis ankaŭ la mian.

La strato, kie pasis miaj infanaj jaroj, estis du vicoj de samanaj[1] kabanoj kaj du vicoj de fraksenoj kun senpavima vojo inter ili. Ĉiuj kabanoj post la dua mondmilito estis egale mizeraj, sed tute malegalaj lingve. En mia kabano la patro preĝis hejme ĉe la sankta skribo kaj dum la festotagoj drinkis vodkon kaj kantis kun la panjo "Tumbalalajka"-n. Ĝis mia dekkvinjariĝo (tiam li forpasis) mia hejma lingvo estis la jida. En la kabano dekstraflanke de la mia, paĉjo de nigrahara Steĉjo dum dimanĉoj matene vizitadis negrandan preĝejon kun blua kupolo, poste drinkis vodkon kaj kantis "Zaprjahajte hlopci koni..." [2] Ilia hejma lingvo estis la ukraina. En la maldekstra kabano panjo de senpatra Tadek, dum dimanĉoj vizitadis la urban bazilikon, poste drinkis vodkon kaj kantis "Z tamte strony rzeki" [3]. En tiu kabano oni parolis la polan. Sed en la kabano, staranta kontraŭ la mia, loĝis sepinfana familio, kies patro preĝis nenie, ĉar estis komunisto. Tamen ankaŭ li dimanĉe drinkis vodkon por poste kanti "Oj moroz, moroz..." [4] La rusa regis en tiu familio. En aliuj kabanoj regis denove la jida aŭ la rusa, la ukraina aŭ la pola, sed foje ankaŭ la cigana, la moldava...



*Mikaelo Bronŝtejn* Fotis Berislav Rubčić

Cetere, por ni, la geknaboj de la strato estis ne tro grava preĝado de la patroj, samkiel ilia vodkumado. Ni havis komunajn ludojn, iel-tiel vigle uzante ĉiujn lingvojn. Ni interŝanĝis niajn hejmajn kantojn kaj niajn porfestajn kukojn. Ni estis kolektivo, bando, se oni preferas tiun nomon. Ni amikis sen konsideri la etnan apartenon de ĉiu aparta ano de la bando eĉ se foje ni mokis unu la alian per iu fivorto, kaptita en la medio de la plenaĝuloj. La ofendaj etnaj moknomoj signifis nenion specialan por ni, kaj tiuj ofendetoj estis forgesataj preskaŭ tuj. Se ni batalis – ni estis batalantaj ne kontraŭ iu aparta etno, sed kontraŭla infana bando de la najbara strato, same multetna.

La rusa, kiu regis en la radio kaj en la urbaj oficejoj, certe dominis, tamen ne tiomgrade, ke ni ignoru la aliajn lingvojn de nia strato.

Sed subite en nian urbon venis la homo, kies apero certe ŝanĝis mian sorton, kaj ne nur mian. Li estis brava viro kun aro da militaj ordenoj kaj medaloj surbruste, heroo de la milito – tio speciale logis miaaĝan knabaron. Li estis instruisto de la germana, militesploristo dum la tuta milita periodo, poste militataŝeo en Vieno. Lia nomo devas aperi ĉi tie, - Andreo Rogov, - almenaŭ pro mia eterna dankemo, sed ankaŭ ĉar mi trovas liajn iamajn lernantojn en diversaj landoj. Li diris al ni: "Knaboj, venu al miaj lecionoj. Mi donos al vi la lingvon, per kiu vi parolos kun la tuta mondo." Kaj en septembro 1961 mi kun kelkaj miaj amikoj aliĝis al lia kurso de Esperanto.

Pasis kvindek jaroj, kaj, demandante min mem, ĉu mi tuj komprenis, ke Esperanto estas mia lingvo por la tuta vivo, mi honeste respondu "Ne". La kompreno alvenis post unu jaro, kaj ĉiam ĉe enketado mi indikas 1962, kiel la jaron de mia esperantistiĝo. Sed tio estas alia historio.

***Oktobro 2011, Tiĥvin, Rusio***

1) ***Samano*** – brikoj, farataj el miksaĵo de pajlo, argilo kaj bruta sterko.
2) ***Jungu, buboj ĉevalaron*** (ukraina)
3) ***Aliborde de l' rivero*** (pola)
4) ***Oj vi, frosto, frost'*** (rusa)

## AMITAJ, AMATAJ, AMOTAJ

Degelis ie en aŭtun'
folioj de la dekkvin jaroj.
Min ne atendas miaj karaj
ĉe lignofajro de la jun'...
Sed diablo prenu la dekkvin, -
aspiras mi revidi ĉiujn, -
al la urbeg' de fianĉinoj,
al la urbeg' de fianĉinoj
trajnaĉo kota trenas min.

Aĥ, miaj amitaj, amataj, amotaj!
Ja, restis almenaŭ lumbildoj kaj
fotoj...
Mi klinas genuojn,indulgon
petante,
mi pretas glorigi vin verse kaj
kante,
mi ree vin vidas en sonĝoj ermitaj,
aŭ, miaj amotaj, amataj, amitaj!

Hontindas ŝteli karbojn el
fajrujo fremda, fum' kamena,
se vokas en la sonĝo svena
brilanta fore sola stel'.
Ho ve - stelplenas firmament'!
Mi ofte gapis kaj hezitis.
Steletoj inter fingrojn glitis,
Steletoj inter fingrojn glitis,
doninte varmon por moment'.

Min pelas ia stranga fort'
denove, kvazaŭ knabo, ami,
en sankta fajro ree flami
ĝis la forbrul', ĝis dolĉa mort'.
Mi vin reamas en memor'
anstataŭ pli prudente kalvi.
Mi freŝajn rozojn portas al vi,
mi freŝajn rozojn portas al vi
de la ne tre konstanta kor'!...

**Noto:** La kanto estis verkita nokte en trajno, per kiu mi estis iranta al Ivanovo post preskaŭ 15-jara foresto en tiu ĉi urbo.

*Mikaelo Bronŝtejn*

# NOVA REALISMO DE MIKAELO BRONŜTEJN AŬ ETA TRAKTATO PRI LEGANTO

*Mikaelo Bronŝtejn: "URBO GOBLINSK", Eldonejo "Impeto", Moskvo 2010*

Kion legas averaĝa literatur-amanto? Kiuj temoj, motivoj, rakontoj plej bone konvenas al plimulto? Mi asertus: ia speco de eskapisma literaturo – tiu kiu ofertas ion alispecan, esceptan; esceptajn lokojn, sciojn, esceptajn personojn, esceptajn travivaĵojn, esceptan amon aŭ esceptan suferon, esceptan ordinarecon malantaŭ kiu sin kaŝas escepta rakonto aŭ escepta sekreto pri iu momento de feliĉo aŭ de amo aŭ de inspiro ... Escepte! Ĉar ni vivas ordinare, normale, eble grize kaj enue, leporkore – ne eksponante nin ĉar ni ne estas stultaj kiel **don Quijote** aŭ **Emma Bovary**, ni konas la lokon al ni destinitan, sed tamen ni amas tiun esceptecon kiun la literaturo ofertas: eĉ tiam kiam ni ne identiĝas kun ĝi, kiam ni verdire ne fuĝas al alies vivoj, ilia eksciteco (vera eksciteco aŭ ekscita potenco de amo, de malamo, de kompato, memoro, de kio ajn) amuzigas, antaŭ ĉio, kaj iufoje inspiras – ni bezonas tiun impulseton de eta fido je potenco de deziro, de volo esti pli bona aŭ almenaŭ alia. Vere, tiu leganto ne estas malbona!

Sed, kion li faros kun **Urbo Goblinsk.** Ja ĝi ne apartenas al la plej disvastigita populara "ĝenro" - ĝi ne estas fantazio, ĝi ne estas parfumita kaj dekorita, ĝi ne prudentigas, sed fiodoras kiel malmultekosta vodko (verdire senodora), fiodoras kiel fabrikhaloj kaj grizeco de la ordinara vivo. En urbo **Goblinsk** estas 90-aj jaroj de la 20-a jarcento, dum kiuj en ekssocialismaj landoj okazas privatigo de komuna posedaĵo, aŭ transiro el socialismo/ komunismo al kapitalismo, kiam sociaj posedaĵoj fariĝas proprietaĵo de individuoj, t.e. de homoj estintaj la plej elturniĝemaj – legu: la plej malhonestaj kaj la plej fortaj – jen Sovaĝa Okcidento en eŭropa Oriento. Malmultaj ekssocialismaj landoj, ŝajnas al mi, evitis tion, kaj en tiuj okazaĵoj kreiĝis grandaj sociaj kontrastoj kaj ruiniĝis socia kohereco. Ne ekzistas vera aŭtoritato, neniu obeas leĝojn, aŭ oni kreas leĝojn kiuj ebligas misuzon. Danĝera tempo. Kadro kiu demoralizas, des pli se la leganto vivas en tiuj landoj kaj pli volonte legus ion konsolan, ion nerealisman. Ĉar, kvankam la ĉefheroo (se oni povas tiel diri) estas nia homo, esperantisto, t.e. homo de espero kaj morala ulo, nur naivulo supozas ke la romano finiĝos per heppyendo. Cetere, la romano ne estas hazarde titolita "Urbo Goblinsk" , nome, kiel tion citas la aŭtoro, Goblinoj laŭ Vikipedio estas: *"etrangaj estaĵoj de la angla mitologio, similaj al homoj, sed malpli altaj, monstraspektaj kaj malicaj. Tre rapidaj kaj agresemaj. Kapo de G. similas tiun de ĉevalo, la okuloj estas flavaj kun vertikala pupilo, la oreloj estas longaj, la barboj – kojnoformaj. Tiuj ĉi estaĵoj posedas dentojn kaj ungegojn bestajn."* Kaj Goblinoj, aŭ laŭ kroata verkisto Marin Držić: mishomoj - regas. Kaj, vi kredu, iliaj apetitoj en ĉi tiaj tempoj plifortiĝas; ekssocialisma socio por ili estas memserva "sveda tablo" de kiu ili povas preni kion ajn ili volas – kun eta interpuŝado kun aliaj ŝarkoj.



*Zdravko Seleš* Fotis Berislav Rubčić

Mi skribas ĉion ĉi tiel ke ŝajnas ke la temao kaj la okazaĵoj en la romano estis interesaj por mi. Ja, ili estis interesaj. Interesaj masohisme ĉar ankaŭ tio estas parto de leganta sperto. Nome, mi memorigu vin pri tiel nomata kritika realismo, kies verkistoj esperis ke priskribo de la realo ankaŭ servos al ĝia modifado, ke homoj konsciiĝintaj pri kia vere estas la realo ion faros por ĝin plibonigi. Tial en la romano mi vidas iun novan realismon, novan socian kritikon, kiu eble ... aŭ eble ne? Kaj la masohismo situas en tio, ke mi rekonis mian negativan sperton, sed min feliĉigas la fakto ke mi ĝin kundividas kun aliaj homoj. Tial min "konsolis" rakonto pri veraj "ŝoseaj rabistoj" en Rusujo; almenaŭ tion ni en Kroatio ne havis, kvankam post la milito ni estis sufiĉe armitaj.

En iu parto de la romano mi eĉ bone amuziĝis. Temas pri la ĉapitro okazanta la 7-an de novembro 199..., dum mitingo festanta datrevenon de Granda oktobra revolucio. Okazis tio dum antaŭbalota tempo kaj multaj volis eluzi la okazon.

*"Sub la ĉeenireja viziero de la urbodomo forte tenis megafonon ĉebuŝe la urbestro Petrovskih, ĉirkaŭita de kolegaramaseto.*

*- Kamaradoj! – lia multsperta voĉo de iama propagandestro enbatadis la vortojn en la amason, malsekiĝantan sube. – Kamaradoj! Nur de ni dependas la sorto de nia urbo! Ni ne permesu al malhonestaj personoj uzurpi la regon super nia kara urbo! Mi insistas, ke ĉiu, kiu ne estas indiferenta por sia sorto kaj por la sorto de siaj familianoj, nepre venu decembre al la balotoj kaj faru ĝustan elekto! Pacan kaj satan vivon mi promesas al vi, kaj vi scias ke mi, diference de aliaj kandidatoj, plene respondecas pri miaj promesoj!..*

*- Ne, sinjoroj! Voĉdonu por la unio de la dekstraj fortoj! – el inter la amaso ekkriis junulino en ŝika mantelo. – Ni scias, kiel fari vin riĉaj!*

*- Riĉaj! Bonfartaj! Ni scias! – subtenis ŝin dika junulo, evidente, ŝia akompananto. – Ĉiuj estu riĉaj!*

*- Ne kredu la dikulon! Ŝtelisto li estas! – aŭdiĝis ies voĉo el buba kompanieto, staranta dekstre de la ŝtuparo. – Voĉdonu por la liberal-demokratoj! Minorov estas nia urbestro! Minorov!*

*- Mi-no-rov! Mi-no-rov! – organizite ekskandis la bubaro.*

*- Ĉi-iuj ili estas ŝtelistoj! – akute kriis avinjo kun nigra ombrelo, tordata de la vento.*

*Ial ĝuste tiu ĉi krio entuziasmigis la tutan amason.*

*- Ŝte-li-stoj! Ŝte-li-stoj! Ŝte-li-stoj! – blekis la pensiularo, kvante la plej granda ĉi tie, kaj la pli juna parto de la mitingantoj pretervole subtenis, superante la organizitan amaseton de liberal-demokratoj. Ŝte-li-stoj!"*

En la romano okazaĵoj estas "ordinaraj" kaj malbelaj, espero de leganto renkonti heroon kaj prosperon estas malgranda, sed tamen oni legas plu, oni iras al la fino kun dividitaj sentoj – Ĉu la romano servas por katarso, ĉu ĝi donas esperon aŭ vekas revolton, se nin jam ne amuzas ĉi griza rakonto. Leganto, vi tralegu mem; viaj atendoj, via legado, respondos parte al via demando kiu estas vi mem, kaj malplektiĝo de la romano akcentos tion ankoraŭ pli: ĉu vi estas kontenta kaj ĉu vi atendis tian finon, demandu vin; kaj mi povus, laŭ via respondo al vi diri kiu kaj kia vi estas. Sed, ion mi scias jam nun: se vi legas, vi ne estas mishomo, vi ne estas Goblino - ili ja ne legas alian krom borso-sciigojn, post ilia ekregado en Goblinsk. Legu do, legu, naiva masohisto, mia kara samideano!

***Zdravko Seleš***

## Helpo al ĝenerala kaso de KEL

| | |
|---|---|
| Davor Klobučar | 26,66 eŭroj |
| Vjekoslav Morankić | 26,66 eŭroj |
| Boris Di Costanzo | 26,66 eŭroj |
| **Entute:** | **79,98 eŭroj** |

# UNU VERKO - KVAR FOJOJN TRADUKITA AL ESPERANTO!



En la renkontiĝo de esperantlingvaj verkistoj en **Hraščina-Trgovišće** la 17-an de septembro 2011 mi prezentis novan esperantan libron el Kroatio. Ĝi havas longan nomon: **"Ivan Mažuranić: La morto de Smail-agao Čengić - la libro, kiun almenaŭ kvin personoj tradukadis al Esperanto"**. Ĝia aŭtoro, aŭ -pli trafe - redaktoro, estas mi.

La eposo **"La morto de Smail-agao Čengić" (Smrt Smail-age Čengića)** de la aŭtoro **Ivan Mažuranić** estas deviga legaĵo en bazaj lernejoj en Kroatio. Mi ŝatas nomi tiun verkon "miniatura kroata **Iliado**". Miniatura, ĉar ĝi enhavas nur iom pli ol 1000 versojn. Kaj **Iliado**, ĉar ĝi estas en versoj, kaj temas pri batalo, sango, morto kaj aliaj fortegaj emocioj (kvankam mankas intervenoj de dioj!). Tamen ne hastu juĝi la verkon negative nur laŭ ĝia temo, kiu ja certe ne harmonias kun la moderna "eŭrop-unia" toleremo kaj pacamo. Temas ja pri alia epoko, la verko ja aperis en 1846, do antaŭ 150 jaroj!

Mi esploradis la historion de la esperanta movado en Kroatio, speciale ties fruan periodon. Tiam mi rimarkis, ke tiu ĉi libro havis en ĝi tre interesan sorton. Kvazaŭ la tuta landa movado respeguliĝus en tiu ĉi verko!

Kroataj esperantistoj organiziĝis fine de la jaro 1908. Kaj jam en 1909 komencis aperadi la gazeto **"Kroata esperantisto"**, enhavanta esperantan propagandon, movadajn novaĵojn kaj literaturajn tekstojn. Kiu estis la unua traduko el la kroata literaturo? Ĝuste tiu ĉi **"Smail-agao"**! Kaj kiu ĝin tradukis? La fama movada pioniro, s-rino **Danica Bedeković**! Helpis ŝin la juna studento (kaj la unua UEA-delegito el Kroatio!) **Ivan Stalzer**. La traduko aperis nur parte, kaj neniam publikiĝis la resto.

Kroata landa movado havis fakte du pionirojn, kaj tiu alia estis s-ro **Mavro Špicer**, kiu publikigis sian tradukon de **"Smail-agao"**, kvankam nur en 1933. Traduko de **Zlatko Hribar** el 1925 laŭdire ekzistis, sed neniam ĝi publikiĝis kaj la manuskripto verŝajne ne plu ekzistas.

La traduko **Bedeković-Stalzer** havas erarojn kaj la stilo ne estis perfekta. Tial **Špicer** tuj kritikis ĝin. Kaj lian tradukon laŭdis **"La Suda Stelo"**, organo de jugoslaviaj esperantistoj. Tamen, **Kolomano Kalocsay**, granda esperanta poeto el Hungario, trovis mankojn ankaŭ ĉe **Špicer**! Jen kion skribis **Špicer** pri **Bedeković** en iu nacilingva gazeto:

*"Bedaŭrinde mi devas diri, ke en la esperanta traduko de la unua parto ne restis eĉ spuro de la poezia beleco de la originalo. Ordinaraj prozaj vortoj enmetitaj en la spacon de la verso ankoraŭ ne estas verso, kaj eĉ centoj da tiaj perforte kunpuŝigitaj vicoj ankoraŭ ne estas poemo. Mi ne nombrados la amason da gramatikaj nekorektaĵoj kaj malglataj versoj..."*

Finfine en 1972 publikiĝis la kvara traduko, tiu de **Josip Velebit**, elstara kroata esperanta tradukanto, kaj ĝin kontrolis **Ivo Rotkvić**, alia fama tradukanto kaj esperanta akademiano. La traduko estas verŝajne la definitiva, ĉar ĝia kvalito estas multe pli alta, ol tiu de la antaŭaj. Sed tiam **Kalocsay** ankoraŭ estis vivanta, kaj li tralegis ankaŭ tiun ĉi tradukon. Jen kion li skribis en **"Hungara vivo"** en 1973:

*"La unuan tradukon, siatempe, mi recenzis kun multa malfacilo: ne volante afliktí la oldan-meritan pioniron, en kiel eble plej dolĉan pilolon mi devis paki la malperfektaĵojn de lia laboro. Nun mi estas en nekompareble pli favora situacio: la nova traduko de J. Velebit estas nekompareble pli bona ol la antaŭa. Se en la malnova traduko la valoraĵoj de la verko validiĝis malgraŭ la traduko, nun, per la lerto de la nova tradukinto ili estas eĉ pli reliefigitaj. Kelka pezeco de la lingvaĵo ŝajnas konscie farita por reprodukti la primitivan praforton de la originalo..."*

Koserviĝis nur malmultaj ekzempleroj de la tradukoj de **Špicer** kaj **Velebit**. Tial mi decidis meti ilin kune en unusolan libron. Jen kiel en la liston de esperantistoj, okupiĝintaj pri **"Smail-agao"** enskribiĝis ankaŭ mi!

Sed mi ne haltis ĉe tiu decido. Mi trovis ĉiujn eblajn gazetartikolojn, recenzojn, kritikojn kaj polemikojn, verkis la enkondukan parton kaj ankaŭ ĉio ĉi eniris la libron. La tutan laboron mi nomis **"Projekto Mažuranić"**. Cetere, post tri jaroj estos 200-jara jubileo de la naskiĝo de **Mažuranić**! Kaj kroat(ian)oj rememoru: la bildo de tiu poeto troviĝas sur la bankonoto de 100 kunaoj!

Sed necesis tre atente fari tedan retajpadon de la menciitaj tradukoj. Tiun taskon entreprenis la esperantisto **Stanko Rukelj** el **Majerje** ĉe **Varaždin**. Li jam antaŭe enkomputiligis kelkajn valorajn verkojn el la kroata literaturo, sed pro lia modesteco homoj pri tio apenaŭ scias. Ekzemple, **"La trezoro de l' oraĵisto"** de **August Šenoa**, tradukita en 1911, dank' al **Rukelj** nun estas je via dispono en la TTT-paĝoj de KEL (***www. esperanto.hr/citaonica.htm***).

En la saman liston do eniris **Rukelj**, sed ankaŭ **Zdravko Seleš** per kroatlingva kaj literaturhistoria kontrolo de la enkonduko. Kaj per senpaga grafika preparo de la teksto kontribuis **Josip Pleadin**.

La libron oni povas libere preni el Interreto. Papere ĝi aperis en nur 25 ekzempleroj. Post sendo al **Nacia kaj Universitata Biblioteko** kaj post donacoj al **KEL**, al la kunlaborantoj ktp. restos por vendado maksimume 10 ekzempleroj, je la prezo de 50 kunaoj.

Neniu el la kunlaborantoj celas ian ajn profiton el sia laboro. La mono kolektita per vendado iros al la eldonisto **Esperanto-societo "Liberiga Stelo"** el **Osijek**, por almenaŭ parte kovri la kostojn de la papero.

La kompletan libron trovu ĉe: ***http://www.esperanto. hr/smail_agao.pdf***, kaj eventualaj aĉetantoj skribu al ***davor. klobucar@ht.hr*** aŭ al **Kroata Esperanto-Ligo**.

***Davor Klobučar***

## VODNIKOVA 9 – NIA ESTONTA EJO

| | |
|---|---|
| 612. Karmen Crnković Vranko | 30,00 eŭroj |
| 613. Esperanto-Societo Rijeka okaze de la forpaso de sia membro Đuro Kalačić | 40,00 eŭroj |
| 614. Boris Di Costanzo | 74,33 eŭroj |
| 615. Esperanto-Societo Rijeka okaze de la forpaso de sia membro Janja Dotlić | 40,00 eŭroj |
| 616. Stanko Rukelj | 16,04 eŭroj |
| 617. Esperanto-Societo Rijeka okaze de la forpaso de sia membro Marčelo Trampuh | 40,00 eŭroj |
| 618. Spomenka Štimec | 6,68 eŭroj |
| 619. Siniša Dvornik | 1,33 eŭroj |
| 620. Anonima | 1,33 eŭroj |
| 621. Esperanto-Societo Rijeka okaze de la forpaso de sia membro Zlatko Vukelić | 40,00 eŭroj |
| **Post septembro kolektite** | **249,71 eŭroj** |

Ekde la jaro 2003 KEL kolektis inter siaj membroj **27.174, 70 eŭrojn!**

En la jaro 2011 ni repagis nian krediton al Universala Esperanto-Asocio!

En la jaro 2010 kaj 2011 ni repagadas nian krediton al la vicprezidanto Radenko Milošević.

Nia granda kredito reduktiĝis al **17.172,24 eŭroj.**

# LA RONDA TABLO PRI JOSIP VELEBIT EN ZAPREŠIĆ

**Zaprešić**, urbeto apud Zagrebo, kie vivis **Josip Velebit** dum kelkaj jaroj de sia instruista kariero, emociplene omaĝis al sia poeto kaj tradukisto per la festo okazigita la 4an de oktobro 2011, dediĉita al la centjariĝo de la poeto.

La blov-orkestro de **Zaprešić** per surstrata muzikado atentigis la publikon pri la evento. La urbestro de **Zaprešić**, **Željko Turk** sur la domo, kie **Velebit** loĝis kaj verkis, malvualis la belan omaĝtabulon sur kiu estas notite ke **Velebit** estis poeto, tradukisto kaj esperantisto. Tiel Kroatio dank' al la centa jubileo de Velebit, gajnis du publikajn murtabulojn, unu en **Vrbovec**, la alian en **Zaprešić**.

Akademiano **Tonko Maroević** enkonduke parolis pri **Velebit** kiel nacilingva poeto kaj lian inspirodonan tekston **Vojaĝado kaj nemoviĝo** vi povos legi venontnumere. Estis interese ekscii ke la akademiano **Maroević** mem intime rilatas al Esperanto kaj ke li lernis Esperanton kaj tradukis el la kroata poezio Esperanten.

Aktoro **Joško Ševo** emociplene interpretis la nacilingvajn tekstojn de **Velebit**. **Stjepan Laljak**, la iniciatinto de la programo pri **Velebit**, kiu konsideras **Velebit** sia spirita patro, parolis pri la kroatlingva poeto **Josip Velebit** kaj lia vivovojo. **Ranka Novosel** prezentis **Velebit** kiel sian profesoron en la instruista lernejo en **Slavonski Brod**. Estis prezentita teksto pri **Velebit** de lia lernanto **Branko Čegec**. **Spomenka Štimec** parolis pri **Velebit** kiel antologia esperantlingva poeto kaj granda tradukisto de la kroata literaturo Esperanten.

En la muzika programo, konforma al la gusto kaj muzikaj ŝatoj de **Velebit**, muzikistoj **Miroslav Živković** kaj **Stanko Radiković** ravis la multnombran publikon de **Zaprešić**.

La organizanto de la evento estis Matica Hrvatska, branĉo de **Matica Hrvatska Zaprešić**, kiu eldonis specialan broŝuron pri **Josip Velebit** kaj du poŝtkartojn rilatantaj al lia vivo.

Ni memorigu pri nia granda tradukisto kaj antologia poeto **Josip Velebit**, kiun **William Auld** envicigis en **Esperantan Antologion** kaj **Juan Régulo Pérez** en **Jugoslavian Poemaron, Reeho**, eldonita en **La Laguna de Tenerife**. (La kontribuo de **S. Štimec** al la **Ronda Tablo** pri **Josip Velebit** aperos decembre en **Zaprešić**, kroatlingve, kun ĉiuj aliaj tekstoj, prezentitaj ĉe la Ronda Tablo.)

**Josip Velebit** naskiĝis en **Rijeka** la 20an de junio 1911. Li mortis en la hospitalo de **Novi Marof** la 21an de aprilo 2000. Lia tombo estas en la zagreba tombejo **Miroševac**. Klasikan gimnazion kaj Filozofian fakultaton li finis en **Zagrebo**. Laboris en **Slavonski Brod**, **Subotica**, **Beli Manastir**, **Osijek**, **Zaprešić**, **Križevci**, **Vrbovec** (preskaŭ ĉie instruante Esperanton). Jen liaj kroatlingvaj verkoj **Putnikova pjesma / Kanto de vojaĝanto** 1940, **Lirsko zapisi /Lirikaj notoj**, 1953, **Tamen ĝi turniĝas / Ipak se kreće** 1996.

Li publikigis tri librojn el siaj tradukoj. Lia unua publikaĵo estis **Kanto al mia koro**, 1936 de **Dragutin Tadijanović**. En tiu libro li profetis al la Esperanta publiko ke tiu junulo **Tadijanović** estos granda kroata poeto. Li tradukis el la germana kroaten **Leteroj al juna poeto** de **R. M. Rilke** 1942. En 1944 kroatlingve aperis lia peresperanta traduko de la estonta verkisto **F. Tuglas Perloserĉanto / Lovac na bisere**. La libro estas rezulto de lia multjara amikeco kun estona Esperanta poetino **Hilda Dresen**.

Lia sola Esperantlingva poemaro aperis ĉe **Bero** en **Kalifornio** titolita **Kanto de telegrafistoj** (1996). (Li ja laboris same kiel **Hilda Dresen** kiel telegrafisto.) Lia traduko de **Morto de Smail-agao Čengić**, la fama kroata eposo de **Ivan Mažuranić**, estas modela.

En la kroata literaturo li gravas pro siaj tradukoj el el la germana, hungara, bulgara, makedona kaj Esperanta versoj por **Antologio de la monda poezio / Antologija svjetske poezije** (1956) kaj **Antologio de la monda ampoezio** (1965).

Li amis la kroatan literaturon kaj repensis ĝin per siaj tradukoj en la elegantan Esperanto. Malmultaj kroataj tradukistoj tradukis tiom fidele al la ritmo de la originalo. Pri la abunda bibliografio de **Josip Velebit**, kiu aperos en Zaprešić, kroatlingve, okupiĝis **Josip Pleadin** kaj okaze de la 100-jara jubileo **Tihana Mikša** kaj **Boris Čović**.


Fotis Spomenka Štimec

***S. Štimec***

# DIPLOMITAJ KROATAJ INTERLINGVISTOJ

Ekde la 17a ĝis la 23a de septembro en Poznano, Pollando denove okazis universitata sesio ĉe Universitato Adam Mickiewicz pri Postdiplomaj Interlingvistikaj Studoj. Tiu ĉi sesio estis la unua sesio por la nova grupo kiu konsistas el deknaŭ homoj el dek diversaj landoj, kaj la lasta por du kroatinoj, Marija Jerković kaj Tea Radovanović, kiuj ĉi foje diplomiĝis.

Iliaj diplomlaborajoj estis defenditaj la 20an de septembro, kaj la saman daton estis okazinta la fina ekzameno. La temoj de la kroataj diplomlaborajoj estis: **Aŭtoroj de Esperanto-lernolibroj en Kroatio** (Marija Jerković), kaj **Kroata literaturo en esperanto kaj origina esperanta literaturo en Kroatio** (Tea Radovanović). Temgvidanto de ambaŭ laborajoj estis prof. d-ro hab. Ilona Koutny, gvidantino de la Studoj. Kun du kroatinoj diplomiĝis Petro Bálaž kaj Shon Healy.

Post la sesio (22an kaj 23an de septembro) estis okazinta la 2-a Interlingvistika Simpozio en UAM kies ĉefa temo estis **Interlingvistiko kaj esperantologio antaŭ la defioj de la 21-a jarcento.** Inter multaj, la prelegantoj estis: John Wells, Aleksander Melnikov, Věra Barandovská-Frank, Michael Farris, Zsófia Kóródy, kaj Katalin Kováts.

En Poznano estis ankaŭ okazinta ARKONES (Artaj KONfrontoj en ESperanto), ekde la 23a ĝis 25a de septembro. Ĝi estas sendependa arta kaj kultura forumo organizata de membroj de E-SENCO Kultura-Socia Societo al Ludoviko Zamenhof kaj sub aŭspicoj de TEJO. La programo estis riĉa kaj interesa.

Ĉiuj interesiĝantaj pri la studoj povas trovi informojn ĉe la retpaĝo ***http://www.staff.amu.edu.pl/Ŝinterl/index.html***.


Fotis Mirosława Kubicka

***Tea Radovanović***

## AL GEA

Al Gea, ĉies patrino, mi kantas, kiu plej olda
kaj plej fidinda nutras ĉion sur tero ekzistantan.
Ĉion sur Dia tero marŝantan, en maro naĝantan,
ĉion flugantan - vi nutras per via abundo granda.
Per vi la homoj havas idojn sanajn, rikoltojn riĉajn.
Vi, Damo, kiu potencas doni, sed ankaŭ forpreni
la vivon de mortontoj. Feliĉas kiun vi honoras grace
kaj elkore priŝutas donace! Ties abundo daŭras.
Liaj kampoj fertilas, la grego surkampe prosperas
kaj lia domo plenplenas da bono kaj da trezoro.
En urboj tiaj regas laŭleĝa justo, la virinoj
belas kaj granda feliĉo kaj riĉo ilin eskortas.
Infanoj iliaj brilas pro l' junaĝa vivoĝojo.
Junulinoj, iliaj filinoj, ĝojdancas sur kampoj
plenfloraj vigle saltetante sur herbo inter floroj –
Vi, diino moŝta, senmorta spirito, Vi nin honoras.
Salutan al vi, de l' dioj patrino, de l' stelĉiel' edzino!
Pro mia kant' kompense donu al mi vivon deziratan,
kaj mi laŭdos vin daŭre per mia muziko kaj kantoj.

***Homero***
***El la kroata: Lucija Borčić***


Fotis Mikaelo Bronŝtejn

## NI HAVAS MUZIKISTINON!

**Kaja Farszky** diplomiĝis en **Muzika Akademio** de **Zagrebo** la 16an de septembro 2011. Dum la diplomekzemeno ŝi elmontris mirindajn kapablojn pri pluraj perkutinstrumentoj kaj tute aparte pri, al ŝi plej kara muzikilo, marimbo.

La 17an de septembro ŝi gastis en **Renkontiĝo de verkistoj** per la komponajo de usona komponisto **Frederic Rzewski** (1938) **Odo al Geo** el **Homeraj Himnoj**, en esperanta traduko de **Lucija Borčić**.

La perkutinstrumentistino Kaja por la ĝardena koncerta emociplene muzikis per – argilaj potoj.

La vivojarojn de **Homero** oni ne bone konas. Oni supozas ke li vivis en la la 7a aŭ 8a jarcento antaŭ Kristo.

Jarmilojn poste, junaj manoj elmagiis por ni muzikon el la argilo mem kaj revokis nin pensi pri la Tero per la konvinkaj vortumoj de la antikva poeto, kiuj, prezentitaj de la artistino, ne sonis patose.

Nia Esperantujo ricevis per la diplomkoncerto de **Kaja Farszky** koncerton fortan kaj profundpensan.

**Kaja Farszky** daŭrigas postdiplomajn studojn en la lernojaro 2011/2012 en **Escola Superior de Musica de Catalunya** de **Barcelono**.

Eble estonte vi bezonos ŝian programon por viaj aranĝoj? Vi povas kontakti Kajan per la adreso ***kaja.farszky@gmail.com***

***S. Ŝtimec***


Fotis Josip Pleadin

## NI HAVAS NOVAN ESPERANTISTAN SOCIETON EN BJELOVAR

Verŝajne vi kun ĝuo rememoras nian pasintan kongreson okazintan ĉi-jare en malgranda, sed iam en la esperantistaj rondoj tre konata urbeto **Bjelovar**. Iam la tuta urbo vivis por Esperanto, sed, bedaŭrinde, en 1992 nia Esperanto-societo malaperis, post multjara tre sukcesa laboro (ekde la jaro 1909). Ni ĉiuj opinias, ke la 9-a kongreso de kroataj esperantistoj estis fajrero kiu falis sur fekundan grundon. Tiu ĉi kongreso instigis nin refondi la societon. La 25-an de aŭgusto la iniciata komitato decidis kunvoki "refondkunvenon" por la 10-a de septembro. Dank' al asocio **"Češka obec"** el **Bjelovar** (kies membroj partoprenis nian kulturan programon dum la kongreso) la jarkunveno okazis en iliaj ejoj. Surprize ni konstatis, ke la fondkunvenon ĉeestis 23 fondintoj kaj 4 gastoj (**Spomenka Štimec** el **Kroata Esperanto-Ligo**, **Radenko Milošević** el **Unuiĝo de zagrebaj esperantistoj**, **Anto Mlinar** el **Esperanto-societo "Bude Borjan"** kaj **Zlatko Hinšt** el **Kroata Fervojista Esperanto-asocio**). Ni akceptis la statuton de **Bjelovara esperantista societo** kaj labor- kaj financan planon por 2011. Ĝis la jarfino restis nelonga tempo, sed ni tamen planis kelkajn eventojn.

Nin ne malkuraĝigas manko de propra societejo (ĉu ni ne organizis la sukcesan kongreson, kvankam ni ne havis ejon por niaj LKK-kunvenoj, por okazigo de kurso, pakado de materialoj kaj preparo de ekspozicio?). Ni esperas, ke la problemo de la societejo estos baldaŭ solvita dank' al la plenkora subteno de nia urbestro, s-ro **Antun Korušec**. Aktivadon ni povas tuj komenci, ĉar en la fondkunveno ĉiuj ĉeestintoj membriĝis, pagis kotizojn, kaj estis eĉ tiuj kiuj donis sian apartan monkontribuon, pro kio la administra komitato tre kore dankas al ili.

Mi certas ke la legantoj rekonos la membrojn de nia gvidantaro:

**Administra komitato:** prezidanto **Franjo Forjan**, sekretariino **Grozdana Grubišić-Popović**, kasistino **Ljerka Stilinović**, kaj membroj: **Berislav Rubčić** kaj **Nenad Margetić**.

**Kontrola komitato:** prezidantino **Zdenka Polašek**, kaj membroj **Vinko Grgurev** kaj **Željko Saks**.

Kiel prezidantino de la Iniciata komitato por fondo de Bjelovara esperantista societo, mi dankas al ĉiuj kiuj ĉeestis nian fondkunvenon kaj donis al ni instigon por estonta agado.

***Zdenka Polašek***


Fotis Josip Pleadin